AE218

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 23/05/2015 Ducent dekoka eldono 23/05/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. EFNSK havas ekzemplerojn.
Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

# 71. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Kelkaj eraroj korektindaj. Ĉ.

Esperanto havas prefiksojn kaj sufiksojn, kiel la eŭropaj lingvoj; sed ĝi, kiel la eŭropaj lingvoj teorie, ne havas infiksojn (= vorteto aŭ signifohavaj literoj), kiel ekz. la vjetnama. Tamen dum la historio de nia lingvo kelkaj aŭtoroj rompis tiun regulon, kreante ekz. "sindona", "antaŭenmarŝi", kaj "ĉionpova". La lastan el la tri specoj oni intertempe korektis, kaj ĉiu nun diras "ĉiopova" kaj similajn, sen la akuzativa infikso –n. Sed multaj homoj plu diras malĝuste "sinofera" k.t.p. kaj "antaŭenmarŝi" k.t.p. Oni povas kaj devas anstataŭe diri la ĝustajn "siofera" kaj "sidona" kaj "antaŭmarŝi" aŭ "alantaŭmarŝi" aŭ "antaŭen marŝi" en du vortoj. Cetere "sinofera" signifas "oferanta sian sinon" (kiu volontulos?).

Marcel Leereveld.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10 a.t.m.
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Venis la 16an de majo la kutimaj 5 Esperantistoj. Interesa loko, bonaj amikoj.
Renkontu nin. Venu la 6an de junio 2015 kaj ĝuu Esperantujeton

# Esperanto-Domo Sidnejo




La 7an de junio 2015 okazos kunveno.
Aferkunveno je la 11atm kaj lunĉo ktp je la 1ptm.

★★★★

Merkredon la 20an de Majo venis Roger Springer, Margaret Chaldecott kaj Ian Wylles. Ni interalie provis solvi la problemon de la „wi-fi" ĉe ED Estas frustra afero!



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj. Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn.
Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.
Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;

# 3ZZZ Melburno



# Eĥo de 3ZZZ



Se vi volas scii pri senpilotaj aviadiloj kaj kiel ili povas gardi kontraŭ ŝtelistoj, aŭskultu la elsendon de la 18a de majo 2015 aŭ en la retejo de la radio-stacio www.3ZZZ.com.au aŭ en la arkivejo www.esperanto.com.au
La aŭskultado de la radio ĝojigu vin.
La kunvokanto de la Esperanto-programo en 3ZZZ
Franciska Toubale

# La 303a nomo sur mia listo de 'AE'aj ricevantoj

Estimata Samideano,
Dank' al mia amiko Bob Felby el Adelajdo mi ekkonas vian regulan revuon.
Bv. sendi ĝin ankaŭ al mi: Andries Lamers el Antverpeno, Belgujo, Eŭropo.
Multan dankon anticipe!
Andries Lamers

Kara Roger,

Dankon pro la enmeto de miaj komentoj pri la uzo de Esperanto en la lastatempa 'Polyglot Gathering' en Berlino, kaj tiuj de André. Estis ege bone trovi ke Esperanto estis 'nur' unu lingvo inter multaj aliaj kaj plejparte akceptita je la sama nivelo.

Dankon ankaŭ por la vortoj de Renato Corsetti pri la profunda gramatika kompreno de Marcel. Kiam mi loĝis en Aŭstralio mi antaŭĝuis la somerkursaron ĉiun jaron ĉar mi sciis ke mi havos la eblecon ĉe-esti liajn klasojn.
Amike,
Dee McCarney

Kara Roger Springer
Laŭ nia datumbazo vi hodiaŭ festas vian naskiĝdatrevenon.
Permesu al mi ke okaze de tiu evento en la nomo de la teamo de edukado.net mi kore salutu vin kaj deziru bonan sanon, multe da energio kaj sukceso en viaj privata vivo, laboro kaj disvastigo de nia kara lingvo.
Amike, Katalin Kováts, la redaktoro de la paĝaro
22 Majo 2015




Kara S-ano Roger,
Ĝojan Naskiĝtagrevenon!

El la teamanoj de Esperanto-fako de Legio de Bona Volo (LBV) en San-Paŭlo de Brazilo

# Jutubaj filmetoj

★★★★

Jen interesa intervjuo kun la kantisto Emanuele Rovere.

http://www.tikilive.com/video/741067

Amike, Nicole






Jen estas artikolo pri Esperanto en la unua numero de *Tip of the tongue*. La sidnejanoj certe memoros, ke Chris Janssen, la verkanto de la artikolo, vizitis la klubon de Sidnejo kaj intervjuis plurajn el ni antaŭ nelonge. Sonregistraĵo baldaŭ aŭskulteblos.
http://www.tipofthetonguemagazine.com/review-constructed-languages.html
Amike, Nicole

# Ĉu la Angla estu la sola oficiala lingvo de la EU?.

## Unu Komento el pli ol 1121 komentoj

Mi volas diri ke la angla lingvo estas tre malfacila por la homoj kiuj ne estas anglaj kaj maljusta; por la franca, estas same, la franca lingvo estas malfacila por homoj ne francaj, do la plej bona solvo estas Esperanto, la plej facila lingvo por ĉiuj kaj justa lingvo, la angla estas kaùzo de multaj akcidentoj en aviado, miskomprenoj ĉar estas tro malfacila, la homoj ne elektas la anglan, oni trudas al ili, estas vera honto, trudi eksterlandan lingvon al homoj kiuj ne estas anglaj. Do, mi diras ne al la angla lingvo, ne estas bona solvo, ĉiu lando devas gardi sian lingvon kaj Eùropo devas promociigi
http://www.debatingeurope.eu/2014/12/09/english-official-language-eu/
Trovis Roger Springer




# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001
La venontaj Skype kunvenoj estos jaŭde ~~21/05~~, 24/05, 11/06, 02/07, 23/07

# Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 189 | 190 | 191 | 192 | 193 | 194 | 195 | 196 | 197 | 198 | 199 | 200 | 201 | 202 | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | ■ | | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

**"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au**

**Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas**

KIRLI
Komuniki al likvaĵo rapidan turniĝan movon, kiu kutime naskas ŝaŭmon:
Ŝi metis iom da spico en supon, kirlis ĝin kaj denove gustumis.
Mi tre ŝatas kirlitan kremon kun sukero.
Tie estis danĝere ĉar kirloventego proksimiĝis.
Mi ne sciis kion fari; la pensoj kirliĝis en mia cerbo.
Frostis kaj neĝeroj kirliĝis en la aero.
Por rapida kirlado de ovoj estas oportune uzi kirlilon.
En nia lando estas amasa kirliĝo de eksterlandanoj.
La folioj falas de la arboj kaj kirle flugas.





KARAMBOLI
1. En la bilarda ludo, tuŝi per sia globo la du aliajn:
Mi karambolis en la bilardo ĉi-foje.
Via karambolo estis miriga!
2. Kolizii:
Hodiaŭ en la ŝoseo eĉ kvar aŭtoj karambolis.
Plej ofte karamboloj okazas pro ebriaj ŝoforoj.
Karambole rompitajn aŭtomobilojn kutime oni disvendas laŭpece.